Action pour le Progrès de l'Espéranto au Togo
APETo

# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

N-ro 00 julio 2012

**Babilanto** *est le bulletin d'information de l'Action pour le Progrès de l'Espéranto au Togo, association pour la promotion et l'enseignement de l'Espéranto.*

**Ĉiuj kontribuoj, en la franca kiel en Esperanto, estas bonvenaj/***toutes les contributions, en français comme en Espéranto, sont les bienvenues.*

**Sendu al ni viajn artikolojn kaj fotojn/** *envoyer-nous vos articles et photos.*

**Ĉiuj artikoloj de** ***Babilanto*** **estos baldaŭ afiŝataj en la reto sur blogo, kie eblos ĉiam lasi komentojn/** *tous les articles du* **Babilanto** *seront bientôt mis en ligne sur le blog où il sera toujours possible de laisser des commentaires.*

E-mail: apetotg@hotmail.fr

## Frontartikolo / *éditorial*

Unu el revoj de esperantistoj en Lome estis la aperigo de propra eldonaĵo por diskonigi al la cetero de la Esperanto-komunumo pri la evoluo kaj atingoj de nia lingvo flanke de Togolando. Por la praktika elmontro de tiu deziro, ni elektis tiun ĉi monaton - julio 2012 kiu koincidas kun la 125-a datreveno de la apero de la unua libro de Esperanto en 1887.

Hodiaŭ dank'al la engaĝo kaj intensa kunlaboro de diversaj esperantistoj, vi havas antaŭ viaj okuloj la provnumeron de *Babilanto*. Ĝi celas esti forumo de ĉiuj agantoj de Esperanto, la esprimejo al la planoj, ideoj kaj ĉefe realigoj aparte en Togolando. Per tiu ĉi informilo certe ankaŭ ĉiuj interesitoj pri la vivo de Esperanto en Afriko povos konatiĝi kun ĝi kaj konstati, kiom da bonaj efikoj alportas ilia subteno al ni.

Ni invitas ĉiujn legantojn de *Babilanto* konigi sian opinion en niaj paĝoj, kio estos al ni la plej klara pruvo pri ties utileco kiel komunikilo inter ni.

**Adjévi A.**

*L'un des rêves des espérantistes à Lomé a été la publication de leur propre bulletin d'information pour informer le reste de la communauté espérantiste sur le développement et les réalisations en rapport avec l'Espéranto au Togo. Pour la démonstration pratique de ce désir, nous avons choisi ce mois - juillet 2012 qui coïncide avec le 125e anniversaire de la parution du premier livre d'Espéranto en 1887.*

*Aujourd'hui, grâce à l'engagement et une collaboration intensive de divers espérantistes, vous avez sous vos yeux le numéro d'essai du* Babilanto. *Il est destiné à être un forum pour tous les espérantistes et sympathisants, le lieu d'expression de leur plan, idée et toutes les réalisations en particulier au Togo. Grâce à ce bulletin tous ceux qui sont intéressés par la vie de l'Espéranto en Afrique pourront également s'en informer et voir combien leur soutien nous est d'une grande efficacité.*

*Nous invitons tous les lecteurs du* Babilanto *à faire connaitre leur opinion dans nos pages, ce qui sera pour nous la meilleure preuve de son utilité en tant que moyen de communication entre nous.*

**Adjévi A.**

# Invito al babila renkontiĝo julie 2012




Eŭropo naskis Esperanton, la tuta mondo alprenis ĝin. Kaj por celebri kaj festi la 125 jarojn de la apero de la unua libro, esperantistoj divers loke lerte aktiviĝas por turni atenton al niaj lingvo kaj kulturo per engaĝoj kaj eventoj. Multaj agadoj tiucele iniciatiĝis, pluraj ankoraŭ naskiĝos kaj certe intensiĝos.

En Togolando ni havas la taskon kreskigi la niajn pensante pri aliaj novaj, kaj ni havas kapablojn por tion fari enlande. Tial vi estas invitata al unu el niaj multetaj floroj: babila renkontiĝo.

Ĉi monata aranĝo estos speciala pro la datreveno de nia lingvo. Ĝi okazos la 28-an en la ĝardeno fronte al la kultura domo de Be (centre communautaire de Bè). Kiel kutime, la programo konsistos el babiloj, diskutoj pri Esperanto, pri aliaj temoj en rilato kun la ĉiutaga vivo kaj sen forgesi la tradician kunmanĝon.

Priparolu al viaj ĉirkaŭantoj, viajn konatojn invitu kaj aliĝu mem al la aranĝo. Kune ni festos ĝoje la Esperanto-Tagon 2012 en la verda amikejo!

**La Organizanto**

## Germaine: l'Espéranto permet une réelle ouverture sur le monde



En tant que sympathisante de l'Espéranto, je pense que cette langue universelle, bien qu'étant peu connue attire beaucoup d'attentions. A travers le monde, elle compte plusieurs sympathisants. Au Togo, l'Espéranto contribue au développement en permettant aux espérantistes une réelle ouverture sur le monde linguistiquement diversifié.

A mon avis, *Babilmanĝo* est un carrefour d'échanges culturels et éducatifs entre plusieurs acteurs, jeunes et adultes, de différentes provenances, de diverses religions et convictions et de différentes visions, concourant à une cohabitation harmonieuse pendant au moins deux heures de temps et permettant à chaque personnalité de s'exprimer, de s'informer et d'apprendre.

Les discussions de *Babilmanĝo* concernent entre autres, la violence quelle qu'elle soit. Notons, la violence physique, morale et verbale, dont les causes sont principalement l'orgueil, l'injustice, le non respect de la personne humaine et de ses droits ; et dont les conséquences les plus fréquentes sont les révoltes, la frustration, le manque de confiance.

***Amékoudi D. Germaine***

amekdel@yahoo.com

# Esperanto en la universitato de Lome, Togolando

De la 14-a ĝis la 20-a de majo 2012 okazis en la togolanda universitato de Lome kultura foiro, kaj inter la preskaŭ 200 partoprenantaj budoj reprezentiĝis ankaŭ Esperanto. La bela ĉeesto de nia lingvo venis el la togolandaj esperantistoj, kaj reciproke subtenis UEA. Tiel membro de la Afrika Komisiono de UEA kaj togolandaj esperantistoj kune brile prezentis Esperanton.

Tiun periodon ni ne nur dediĉis al buŝa informado, sed ankaŭ funkciis ekspozicio de kelkaj esperanto-verkoj, revuoj, diskoj, kasedoj. Jen kelkaj vizitantoj trarigardante la montraĵojn ekkonatiĝis kun Esperanto-literaturo, aliaj faris multajn demandojn kaj ricevante kontentigajn respondojn akompanatajn de flugofolioj ili enskribiĝis, dum aliaj ankoraŭ tuje petis enlistiĝon de siaj nomoj por la lingva kurso. Tiu ĉi lasta kategorio da vizitantoj iel ĝis baze jam lernis aŭ informiĝis pri la lingvo. En unu kazo aŭ en alia, la scivolemo de la gestudentoj estis granda antaŭ nia budo.

Verŝajne temas pri unuafoje en Togolando, kiam oni tiel elpaŝis por la internacia lingvo en la universitato. La celo estis konsciigi la studentan publikon pri lingvaj problemoj, malkovrigi Esperanton, lernigi ĝin al gestudentoj, igi ilin uzi ĝin kadre de interŝanĝoj kun esperantistoj de la tuta mondo kaj sekve klopodi por ke ili aktiviĝu en la universitato kaj partprenu en la diversaj projektoj movade.




vojo. Estis disdonitaj ĉirkaŭ dek kvin kilogramoj da materialo (kalendaretoj, simplaj flugfolioj, lerniloj), 254 personoj de diversaj horizontoj t.e gestudentoj (la plimulto), instruistoj kaj administrantoj enskribiĝis por la lingva kurso, 5 el ili jam eklernis dum la semajno mem la lingvon. Ili tiel ricevis la lecionon kaj enhejme trastudis ĝin, faris la taskojn kaj postan tagon mi korektis kaj disponigis la sekvan lecionon. Krome ni faris kopiojn de Esperanto-muziko al la plej scivolemaj vizitantoj.

Grandan dankon iras al miaj helpantoj nome, Nouwatsi K. Séna, Adjé E. Jérôme, Amékoudji D. Germaine, Alluya Aicha sed speciale al Esperanto-France kaj Sat-Amikaro kiuj sendis materialon. La universitato de Lome estas la plej granda en Togolando kaj en ĝi studas ĉirkaŭ 40.000 studentoj. Tie ankaŭ studas la tri unuaj helpantoj.

Fermiĝis la semajno, nun restas al ni kaj al esperantistoj ĉe la universistato daŭrigi kaj flegi la kontaktojn. Unuavice la intenco estos aranĝi ĉeestan kurson en

proksima estonto kaj profiti la okazon por kontakti universitatajn aŭtoritatojn, por faciligi kreon de studenta E-klubo.

Kompreneble, ĉiuspecaj helpoj bonvenas por flegi kaj kreskigi tiujn verdajn semojn kaj havi konsiderindajn rezultojn baldaŭ. Subtenu niajn paŝojn! Skribu al ni: afrika.komisiono.de.uea@gmail.com

# Main dans la main pour l'Espéranto au Burkina-Faso

Dans le cadre de promouvoir et d'implanter l'Espéranto au Burkina-Faso, un groupe de quatre Togolais espérantistes a fait le déplacement du 09 au 20 Janvier 2012, précisément à Saint Jean, une province située à 300 km environ de Ouagadougou.

En réalité, ce groupe rejoint par celui d'Arrout (France) également composé de quatre espérantistes, avait pour objectif de présenter l'Espéranto comme langue pratique au sein du projet "Aurovillage".

De ce fait, les cours ont été dispensés à tous les agents du projet pendant une semaine et ils ont fait preuve d'un enthousiasme et d'une compréhension rapide de la langue. Au cours des séances du cours, les espérantistes Togolais: Adjévi, Kossi, Aïcha et Akanto, manifestent tour à tour leur prestation en Espéranto et ceci, dans une atmosphère de fraternité et de joie collective.

Retenons que d'autres activités ont meublé le séjour: arrosage du jardin, plantation des fleurs apportées par le groupe d'Europe (Jean-Pierre, Evelyne, Françoise, Bergère), la clôture, le don de matériels d'Espéranto à l'Ecole primaire publique




du milieu, la plantation d'un manguier apporté du Togo en symbole de l'implantation de l'Espéranto au Burkina-Faso.

Ensuite le Directeur Hassane, après avoir parlé de son projet a considéré l'Espéranto comme une langue qui lui permettra de réaliser une mixité culturelle mondiale sur une base neutre de communication et d'éradiquer le racisme dans toutes ses formes. Il a même promis qu'il enverra des gens au Togo en septembre pour la perfection et la bonne maîtrise de la langue; bref il s'est déclaré disponible à faire évoluer l'Espéranto dans son projet.

En fin, à la veille du départ les deux groupes conjoints ont exprimé leur joie et la nuit a été animée par la chanson *«Karaj geamikoj ĝis revido...»* entonnée par Kossi dans une ambiance collective et le groupe s'est rendu à Lomé après un escale de deux jours à Ouagadougou et de sept jours à Kanté.

***Nouwoatsi Kossi Séna***
*sena.kosnouwa@gmail.com*

# Imitinda vizito

La periodo inter 20 jan. kaj 10 feb. 12 estis historia por togolandaj esperantistoj. Fakte tiun momenton elektis 4 gefrancoj de la asocio la *Maraude* por reviziti Togolandon post efika kunprezento de Esperanto en Burkino. Okazo por ili gastiĝi ĉe enlandaj esperantistoj kaj tiel sperti pri la ĉiutaga vivo surloke.

Du etapoj konsistigis ilian restadon en Togolando: unu semajno en la nordo pli precize en la urbo de Kante kaj preskaŭ du semajnoj en Lome.

En la nordo la simpatiaj vizitantoj renkontis i.a lokajn aŭtoritatojn, terplugistojn kaj ĝardenistojn. Kun tiuj



ĉi lastaj ili interŝanĝis pri teknikoj rilate al ĝardenkulturo kaj transdonis al ili semojn de ĝardenlegomoj. Alia interesa momento estis ateliero pri panbakado sen kemiaj miksaĵoj.

Ilian restadon en la sudo markis ĉefe renkontoj kaj kunmanĝoj kun esperantistoj, transdono de libroj kaj KD donacitaj respektive de Marie Cash, André Andrieu kaj Vinilkosmo al amikoj. Pasigo de plena tago en Instituto Zamenhof pri kiu ili eĉ faris franclingve 25 minutan filmon, kiun oni povas rigardi per la jena ligo: http://youtu.be/FcVnpkK263M kaj simbola planto de arbidoj kronis ĉion.

La nura vizito de Evelyne R., Jean-Pierre M., Françoise B. kaj Bergère M. multe helpis la disvolviĝon de Esperanto en Togolando. Simple ĉar ili partoprenis en multaj agadoj kaj parolis en nia lingvo.

# Compte rendu de l'assemblée du FEEM

Fonds Espérantiste d'Entraide et de Microcrédit a organisé son assemblée, samedi 12 mai 2012, à 15 heures 30 minutes à l'école primaire Victor Ballo d'Ablogamé.

L'assemblée a approuvé le rapport moral et financier mais a recommandé leur mise à jour.

L'Assemblée a débattu et approuvé plusieurs résolutions et a mandaté le Bureau pour leur mise en œuvre :

- suspension provisoire des prêts,
- rentrée des fonds pour constituer le capital de départ,
- restitution de la caisse au trésorier Missika Moussa,
- définition d'autres activités,
- ouverture d'un registre pour la nouvelle orientation,
- consécration de 15 minutes à l'Espéranto à chaque réunion.

ABA EKLU Abatévi, Président du FEEM a présenté le compte rendu de sa rencontre avec Monsieur Gbéglo Koffi qui s'est tenue à l'Institut Zamenhof dans la semaine sur l'éventuelle fusion des deux micro-crédits (FEEM et PARBLAUD) afin d'en réunir les fonds et de profiter des expériences de chacun. ABA a expliqué que PARBLAUD préfère plutôt garder son autonomie mais souhaiterait avoir une relation de coopération avec FEEM. Ainsi chacun des deux micro-crédits pourra diriger en cas de besoin ses membres vers l'autre et vice versa.

La réunion prenant fin à 17 heures 37 minutes, les participants se sont retrouvés dans un bar voisin, pour se rafraichir, avant de se séparer.

Redaktanto/ Rédacteur:
Adjé Adjévi
Poŝkesto: 06 BP 61807, Lomé-TG; Tel : +228 90 25 75 49
E-mail : adjevia@gmail.com

# Sesio de Internaciaj Ekzamenoj en Kotonu, Benino

**Por ĉiu informdemando koncerne al la kurso kaj ekzamenoj, bonvolu kontakti Mirejo je/** ***pour toute demande de renseignement concernant le cours et examens, merci de prendre contact avec Mireille au*****: +41 (0)32 932 18 88 hejma /*****domicile,*** **+41 (0)79 69 709 66 portebla /*****cellulaire*** **aŭ skribante al/** ***ou bien en écrivant à:*** mirejo.mireille@gmail.com

## Novembre – Novembro 2012

**De la 6-a ĝis la 9-a: Preparkurso ĉiun matenon**
**Sabaton, la 10-an: Skribaj ekzamenoj dum la tuta tago**
**Dimanĉon, la 11-an: Parola parto de la ekzameno dum la tuta tago:** ĉiu kandidato aperos dum 20 minutoj antaŭ la Loka Ekzamena Komisiono, kiu konsistos el tri personoj, laŭ la tutmonda regularo de ILEI/UEA: Privas Tchikpe prezidanto, Adjé Adjévi el Lomé kaj Mireil Grosjean el Svislando.

Memoru, ke la elementa sesio okazos, se estas tri kandidatoj aŭ pli. Same por la meza. Bonvolu uzi la monatojn ekde nun por prepariĝi, legi, verki, paroli… En la retejo de ILEI ilei.info vi povas legi pri la postuloj de la ekzamenoj, estas specimenaj testoj.

Ni tre esperas grandan sesion kaj grandan nombron da sukcesontoj.

Dum la preparkurso kaj la ekzamena tago sabata, la kandidatoj ricevos tagmanĝon en CODIAM, Kotonu, kie la kursoj kaj ekzamenoj okazos. Pro tio oni devos aliĝi antaŭ la komenco de ambaŭ partoj: kurso kaj ekzamensesio.

La elementa nivelo ne estas elementa, sed sufiĉe postulema. La meza nivelo estas vere alta, similas al bakalaŭro en fremda lingvo. La demandoj pri kulturaj konoj estas bazaj en elementa nivelo kaj pli ampleksaj en la meza nivelo. Bonvolu konsideri, ke iu kandidato, kiu malsukcesas en la meza nivelo, havos neniun diplomon. Do bone taksu viajn kapablojn. Tian taksadon ni povas fari kune dum la semajno, tiam vi devos decidi pri via nivelo en la ekzameno. Paralele okazos ekde lundo la kvinan de novembro kurso por tutkomencantoj, kies nomo estas UNUA KONTAKTO. Bonvolu informi viajn konatulojn, ni celas 100 partoprenantojn.

La tuta novembra agado pri Esperanto okazos sub la aŭspicio de NRO (ONG) Scio Sen Bariloj (SSB) kaj la lunda prelego de Mirejo emfazos la 125 jariĝon de Esperanto.

Subtenu la diversajn agadojn de APETo: lingva instruado, partoprenigo de aktivuloj en E-aranĝoj, intensigo de informfluo k.s. Donacojn oni povas sendi al la konto "apto-c" ĉe UEA per la kutimaj transpagaj manieroj.